Common stamps and damaged items, (however high their value) are a great nuisance, yet it is amazing how highly prized are some members' duplicates—stamps they would scorn to place in their own album are proudly placed is exchange books for other people to choose—cheap, heavy postmarked, cracked, corners off, bent, no gum — are some of the common ailments from which duplicates suffer, but they still have a place in the duplicate book.

I think it fair to say that "Inteks" is not a "Dump for Junk", but it is a means whereby serious and advanced collectors may exchange, on a "Quid pro Quo" basis, material they do not want for that which they do. I think members should also disabuse their minds in regard to the supposed demand for Great Britain stamps, used, under the 2/6 value (Geo. VI), there is no demand whatever for these from any country, except in Mint condition. Continental members are very keen on the "Perfect" stamps in mint or used condition, more so I think than the average English collector.

If you wish "Inteks" to survive, and it is a splendid scheme, please contribute good material and you will then receive good material from which to select, but please do not waste valuable time and money on unwanted stamps. Please DESTROY COMMON MATERIAL and thus help to make "Inteks" what the Organizing Secretary intends it to be.

A. S. Thomson.

## *ADVERTISEMENTS*




**BELGIUM.**

468 Mr. Ed. Makelberge, Mametstraat 3, Blankenberge. **B.C.P.** *W.*

480 Mr. J. Janssoone, care off Ed. Makelberge, Mametstraat 3, Blankenberge. **Belg.** *Belg.*

684 C. Jadoul, 24 rue Lagasse, Nivelles. **W.** *Belg. Belg. Congo.*

**BULGARIA.**

671 Danial Murdarow, ul., General Parensow No.24, Sofia. **Eur. Malta, Gib.** *Balkans, Germ. Austria.*

**CHINA.**

667 F. J. Gellion, Macao Water Works Co., Ltd., Maxau, S.China **W. airs, China and Macao.** *W. airs, China and Macao.*

**FRANCE.**

73 Sro J. Oliver, case postale 28, Olonzac, Herault. **B.C.** *France French Cols.*

**GERMANY.**

543 14661451 Sgt. J. A. B. Cormack, No.1. M.T.S. Depot.15 B.O.D., B.A.O.R. **M. B.C. Malta, Eire, Egypt, U.S.A. m air labels.** *Ger. Pol. Eur.*

**GREAT BRITAIN.**

456 Miss Val A. Addis. Coppings Corner, Bacton, Stowmarket, Suffolk. **B.C., For.** *N.Z. Austral. W. low values.*

458 H. West, 14 Deveril Road Rock Ferry, Cheshire. **B.C., and airs.** *B.C.*

463 G. Cassel, Pant Glas, Garn, Dolbenmaen. N. Wales. **W., USA inclu. pre-cancel.** *W.*

473 Boyd S. Brown, 10 Grafton Sqre. Glasgow, C.1. **B.C., U.S.A., W.** *U.S.A., W.*

478 F. Kearley, 1 Park Road, Wembley Mdx. **B.C., high v. KG.V. and VI. u.** *B.C., mod. Fra.*

494 L. E. Welsh, 38 Edward Road, Keresley, Coventry. **W.** *W.*

534 R. E. Clarke, 32 Burtons Road, Hampton Hill, Mdx. **Aus. Latvia, Arg., Chile.** *Peru.*

535 J. C. Rapley, 86 Buckthorne Rd., Crofton Park, London, S.E.4. **Pictorials and Esperanto stamps mint.**

539 L. T. Vine-Stevens, Ryecroft, Richards Castle, Ludlow, Salop. **G.B., B.C. and C.C. cm.** *G.B., W. Cor. covers.*

598 J. Barry, 53a St. James Road, Sutton, Surrey. **U.S.S.R., Czech** *Var.*

604 H. G. Smith, 100 Adeney Road, Hammersmith, London. W.6. **G.B., B.C., and Eur.** *Fra., Ger., Austria., B.C.*

657 W. J. Harrison, 1 Woolaros Lane Gt. Shelford, Cambridge. **W.**

659 W. H. Jackson, 35 Manor Road, Solihull, Birmingham. **Czech, Holland.**

662 R. J. Archer, 12 Whitemoss Ave. Muirend, Glasgow, S.4. **U.S.A., Swe., Hol., B.E.** *C.I., Holland.*

678 T. L. Avery, Lutterworth Rectory, nr, Rugby. **Col., incl. Sudan and Egypt.**

680 C. W. Slater, Fox & Hounds Inn, Crookham, Hants. **W.** *W.*

681 H. K. Beardwood, 2 Nabwood Crescent, Shipley, Yorks. **G.B., G.V. Crown Cols.** *B.E. (Qn. Vic) Eur., South America.*

682 D. G. Duncan, 6 Otley Road, Bramhope, nr. Leeds. **Aust., Egypt, G.B. Geo.VI. Germ.** *W.*

685 D. L. Webb, 55 Madiera Ave., Leigh on Sea, Essex. **B.C. in sets** *India and Burma in sets.*

686 B. Mortimer, 362 Fulbridge Road Paston, Peterborough. **B.C., and Scand.** *B.C., Scand. W.*

687 J. D. Donaldson, 6 Sunnybank Estate, Marlow, Bucks. **B.C.** *W.*

688 N. N. Edgecombe, 175 New St. Torrington, Devon. **Am. N.Z., Aust.** *For. some Cols.*

698 Dr. L. F. Donnan, 4 Barrington Cres., Yarn Lane, Stockton-on-Tees. **West Eur. and Scand.** *West Eur.*

699 J. H. Burgess, 14 Shrewsbury Road, Beckenham, Kent. **G.B.** *G.B.*

702 W.H. Lill, 65 Higher Lane, Lymm, Cheshire. **G.B., B.C.** *B.C*

704 Stefan Stabik, Petworth 1 Camp, Petworth, Sussex. **Eur.** *Eur., B.E.*

705 Paulo Bulenda, Barkfold Camp, Billinghurst, Sussex. **B.E., Pol., Aust.** *Eur., B.E.*

707 D. P. Bromley, 3 Moorlands Tce., Northfields, Dewsbury. Yorks, **B.C. and Dom. m and u.** *W.*

708 W. Grocholski, 5 Parkfield Lane, Fearnhead, Warrington, Lancs. **u. Pol., Hol., Fin., Scand., USA** *Europe.*

709 T. W. Boulter, 64 Reva Road, Liverpool, 14. **G.B., B.E., Fra. and Emp. U.S.A. Aus. Germ., Jap., Korea.** *W.*

711 R. West, care off North Breache Manor, Ewhurst, Surrey. **Fra., Danzig, Bav., Belg. and Congo** *Fra., Danzig, Belg. and Congo.*

713 S. H. Menefy, 64 Sandy Park Rd. Brislington, Bristol, 4. **B.C.** *B.C. and For.*

**INDIA.**

625 T. T. S. Raghaven, T. T. House, Chittoor P.O. and Dt. S. India. **W.** *India.*

626 J. Goolam Ali, care off Lucky Shop No.2. opp. Small Cause Court, Bunder Road, Karachi. **W.**

627 Lt.Col. G. E. Cox, Saifabad, Hyderabad Deccan. **Airs.** *W.*

**ITALY.**

526 S. Russo, Barracca, Messina. **low val. U.S.S.R. Greenland, Iceland.** *General.*

**PALESTINE.**

506 J. B. Gillett, P.O. Box 494, Jaffa. **W. u. only.** *Cent. and S.Am., B.C., W.*

676 Haim Gamzu, care off Feldman, 184 Ben Yehuda St., Tel-Aviv. **U.S.A., I.K. Fra., B.C.** *W. esp. Nr. East.*

**POLAND.**

663 Walek Kazimierz, Zawiercie, rue Polska 19. **W.** *W.*

**TURKEY.**

710 Kleon Andoniadis, Galata Mahmudiye Caddesi No.79. Instanbul. **W. mint.** *Turkish m and u.*

**U.S.A.**

683 D. G. Johnson, 1044 Hall Ave, Zanesville, Ohio. **U.S.A. and B.E.** *U.S.A. and B.E.*

712 M. J. Wallace, 258 Hickok Ave., Syracuse 6, N.Y. **B.C., Russia, W.** *U.S.A., N. and S. Am.*

714 G. Muzowiew, Fignez 3-17, Gorky S. **W.** *U.S.S.R.*

**CHANGE OF ADDRESS.**

Great Britain. 588 A. L. Slaughter, now 1 Ashcombe Road, Wimbledon, London, S.W.19.

---

**URGENTLY WANTED.** Have we a member who is capable of undertaking the drawing of designs for our magazine? The U.P.R. would look much more interestimg with illustrated titles—and not without a sense of humour. We cannot offer big fees, but will gladly pay a small amount if required. Write to the Org. Sec. Thanks.

---

GERMANUJO. Sendu al mi 50pm. de via lando, kaj mi resendos saman kvanton kaj valoron JANIS GULBIS. HANAŬ. Lamboystr, 84, Bl.2, St. 10. Germanujo.

# Second Annual Congress

## SATURDAY, OCTOBER 25th.

**from 2—9.30 pm.**

## KINGSWAY HALL, LONDON W.C.I.

*(Close to Holborn Station)*

**2.30 ANNUAL GENERAL MEETING.**
**4.pm. FIRST SESSION OF AUCTION SALE**
**4.45 TEA (1/6d.)**
**6.0 PUBLIC MEETING.**
**7.30 SECOND SESSION OF SALE**

**Speakers:**

**Capt. W. H. ADGEY EDGAR**
*Subject; "Jap Occupation"*

**S-ro. BONTJE (Holland).**
(*Translation by S-ro. MASON STUTTARD*)

**ALL MEMBERS ARE URGENTLY REQUESTED TO SEND LOTS FOR SALE. PARTICULARS BY Oct. 10th. TO V. B. ROBERTS Esq., 14 CARLISLE GARDENS, ILFORD, ESSEX.**

Lots should be described as to appear in the Sale Catalogue. The actual lots must reach Mr. Roberts by Friday October 24th. Please mark clearly if to be 'reserved' or not.

Every member is asked to bring at least one friend.

Displays will be on show the entire time of Congress.

A card is enclosed, will members kindly complete and send not later than 10th. October so that our arrangements may be made for tea and seating.

## KOLOMBO POŜTO.

Oni ne precize scias, kiam oni unue uzis kolombojn por la portado de konumikaĵoj, sed ekzistas certa pruvo (el malnova literaturo) ke kaj Romanoj uzis kolombojn tiuĉele longe antaŭ la naskiĝo de Kristo.

La unuaj homoj kiuj grandskale uzis ilin estis la Egiptoj (unu reĝo de Egiptujo posedis pli ol du mil flugkurierojn). Ĉi tiuj kolomboj flugadis relajse ĝis Persujo kaj Siriujo. Oni konstruis turojn laŭ la diversaj vojoj, kaj kiam kolombo alvenis , ĝia komunikaĵo estis transdonita al kolombo, kiu estis veninta de la plej proksima turo.

Dum la Miliro ĉi tiuj birdoj estis grandskale uzataj de ambaŭ partioj por porti komunikojn pri la agoj kaj movadoj de la malamiko.

Tial ne estas mirinde, ke oni enkondukis ilin en Eŭropon kiam la Kristanaj armeoj revenis de siaj bataloj en Palestino. De tiam arme komandantoj ĉiam portigis kun si kolombojn kaj oni povas legi multon pri ilia rolo (ili ludis gravan rolon en la Nederlandana defendo de Leiden kontraŭ la Hispanoj en 1574).

En la frua parto de la 19a jarcento, oni uzis kolombojn por aliaj celoj ol milito. Kiam la novaĵo alvenis en Londono, ke la Francoj malvenkis ĉe Waterloo, iuj financistoj pretekstis, ke estas Franca venko kaj faris grandan profiton en la Borso. Poste oni uzadis kolombojn por transporti informon al akcimakleristoj en Parizo kaj Londono.

Ekzistis regula kolombopoŝto inter Bruselo kaj Parizo. Tiu tempe Parizo estis granda centro de loterioj kaj la loĝantoj de Bruselo aĉetadis biletojn. Iuj fripojn ekspluatis ĉi tiun poŝton ĉar, ek-sciante la gajnintajn numerojn, ili sendis instrukciojn al Brusslo, ke oni aĉetu tiujn biletojn antaŭ ol la oficiala informo atingis la urbon, kaj tiel havigis grandajn monsumojn al si.

En la 1840-aj jaroj gazetoj uzis kolombojn por havigi novaĵon pri iuj okazaĵoj (la rezultoj de la ĉevalkuroj ĉe Epsom atingis Londono-distanco dek kvin mejloj-en dudek kvin minutoj). Kaj kiam okazigis konkursojn de jaĥtoj oni portis kolombojn sur la jaĥtoj por ke ili povu rapide alporti la rakonton pri la konkurso. Reuter, kiam li starigis siajn novaĵperejoj tra Eŭropo, uzis kolombojn por kunligi la gravajn urbegojn. La metodo sendi informon estis, skribi sur la plej maldika materialo kaj meti tion en ujeton, kiun oni fiksis al la centra plumo de la vosto de la birdo.

La plej fama okazo en kiu oni uzis kolombojn kiel kurierojn, supozeble estis la sieĝo de Parizo, fare de la Germanoj en 1871. Kiam la malamiko tute ĉirkaŭis la urbon, ĉiuj komunikiloj kun la resto de Francujo estis tranĉitaj. Oni uzis multajn rimedojn por havigi novaĵon de ekstere, kiel ekzemple flosigon de malpezaj kupraj pilkoj sur la Seine nokte. La Germanoj tamen ne estis trompitaj kaj simple fiksis retojn trans la riveron. Poste la Francoj provis balonojn, sed ĉi tiuj havis la malavantaĝon povi iri nur eksteren, ĉar estis tre malfacile gvidi balonon de ekstera punkto en la urbon. Fine oni provis kolombojn, kaj ĉi tiuj denove, kiel en pasintaj jaroj, estis sukcesaj. Dum la sieĝo pli ol 400 el ili flugis el Parizo kaj ja le revena flugo alportis pli ol milionon da privataj leteroj en la ĉefurbon. Ĉirkaŭ tiu tempo oni inaŭguris la presadon de mikroskope malgrandaj leteroj sur kolodion, kaj baldaŭ birdo povis porti tridek mil komunikaĵojn je unu flugo.

Kvankam la aeroplano anstataŭis la kolombon, ni ĉiuj scias kiel grandan servon ĉi tiuj noblaj birdoj faris por la homaro en la du Mondmilitoj. Ĉi tio estis precipe vera en mondmilito n-ro 2, kiam multaj aviadistoj devis alteriĝi sur la maron.

M. H. K. Irwin. (trad M. S.)

# FILATELO & ESPERANTO

De D-ro A. Mildwurf.

Filatelo estas la studo kaj kolekto de poŝtmarkoj kaj aliaj markoj de afranko eldonitaj de poŝtoficejoj. La prefero pri kolektado de poŝtmarkoj komenciĝis mallonge post la eldono de la Britaj penco kaj du-pencoj markoj en la jaro 1840. D-ro Gray, oficisto de la Brita Muzeo komencis kolekti ilin baldaŭ post ilia apero, kaj anonco en unu eldono de *The Times* en 1841 petas pri donacoj de nuligitaj markoj por juna sinjorino, En 1842 la nova manieto estis priridita en "*Punch*". Tamen estis nur en la jaro 1860 ke poŝtmark-kolektado ek estis sisteme praktikata kun plena atento pri tiaj detaloj kiaj la diversaj specoj de papero, filigranoj, truetaro kolornuanco kaj speciala skizo. Ĉirkaŭ la jaro 1862 instruisto en Parizo ordonis, ke eksterlandaj poŝtmarkoj estu kolektataj kaj gluataj sur geografiaj mapar paĝoj de liaj lernantoj laŭ la landoj, kaj tio verŝajne estis la unua formo de la sistema klasifiko de poŝtmarkoj en kolekto de ekzistantaj markoj, la plej malnova komenciĝis inter 1853 kaj 1860, en kiu jaro precipe Francaj kolektantoj disfamiĝis. Tiam ekaperis profesiaj komercistoj kaj en 1861 filatela literaturo jam vaste cirkulanta, estis inaŭgurita per la publikaĵo en Strasburgo de katalogo de poŝtmarkoj, eldonitaj ĝis tiu tempo. La Parizaj kolektantoj estis la unauj, kiuj klasifikis la poŝtmarkojn, mezuris ilin per mezurilo, notis filigranojn kaj apartigis la diverajn eldonojn de ĉui lando.

Ĝis la jaro 1910 aperis pli ol 800 filatelaj, periodaj gazetoj. Kvankam malgrandaj aroj de entuziasmuloj kuniĝis en Anglujo, Francujo kaj Usono por studi kaj kolekti poŝtmarkojn jam en la jaro 1865, estis ne pli frue ol en 1869, ke la unua granda klubo, la *Filatelista Asocio De Londono,* ankoraŭ la plej grava en la mondo estis fondita. La gvidanta asocio en Ameriko estas la *Amerika, Filatelista Asocio* ; en Francujo la *Société Française De Timbrologie*; en Germanujo la *Internationaler Philatelistischer Verein*.

Oni kolektis ne nur poŝtmarkojn, sed ankaŭ poŝtkartojn, kovertojn kun la poŝtmarkoj ankoraŭ surgluitaj k.t.p. La valoro de poŝtmarko dependas parte de ĝia aĝo, sed pli multe de ĝia malofteco, kaj tio dependas de la nombro de la specialaj poŝtmarkoj origine eldonitaj. Plej multaj poŝtmarkoj havas notitan valoron, sed kelkaj posedas nur konvencian valoron, kiel tiuj pri kiuj oni scias, ke nur unu au 2 specimenoj ekzistas.

Jam en la komencaj tempoj multaj filatelistoj bone komprenis, kaj inde taksis tiun profiton, kiun donas al ili la kono de Esperanto. Preskau de la unuaj jaroj gravaj filatelistaj gazetoj interesiĝis pri Esperanto. La *"Revue Philatélique Française"* publikigis favorajn atikolojn pri kaj eĉ en Esperanto. *"Les Archives Des Collectioneurs"* havis specialan Esperanto-rubrikon. *"L'echo De La Timbrologie"* publikigis propagandajn artikolojn kaj plenan gramatikon de Esperanto. *"L'Announce Timbrologie De Bruxelles"* alprenis Esperanton por interrilatoj kun fremdlandaj filatelistoj. Sur la paĝoj de multaj Esperanto-gazetoj senĉese estis presataj sennombraj anoncoj de filatelistoj, dezirantaj korespondi en Esperanto kaj intersanĝi. Ŝajne la unuaj filatelistoj komprenis ankaŭ la neceson de speciala filatelista terminaro, ĉar ankoraŭ en 1903 *R. Lemaire* verkis Francan-Esperantan filatelistan vortaron. Poste grava filatelista firmo Senf en Leipzig en 1911 eldonis en kelkaj lingvoj, inter ili en Esperanto, tabelon de plej uzataj terminoj kaj esprimaj en filatelo kaj en 1926 aperis en *Heroldo De Esperanto,* poste en aparta libro *Filatela Terminaro* de H. M. Scott en la lingvoj Esperanto, Angla, Franca kaj Germana. La nombro de Esperantistaj filatelistoj estas sufiĉe granda, sed ili dividiĝas inter la diversaj societoj. La gazetoj "Esperanto" kaj *"Heroldo De Esperanto"* havas ĉiam adresojn de interŝanĝemuloj.

# LA KONGRESO EN BERNO

Impresoj de la Organiza Sekretario.

Kiel malnova Esperantisto mi rigardas la kongreson kun miksitaj sentoj. Ĝi estis grandioza afero, sed nur laŭ la vidpunkto de samideano renkontanta malnovajn amikojn, kaj ĝuanta la stimulon de komuna intereso. Se oni rigardas ĝin kiel *aferan konferencon* en kiu oni devas fari utilan laboron kaj solvi gravajn problemojn, ĝi aspektas neimpresa.

Ni ne disponas spacon en U.P.R. por doni detalan raporton laŭ Esperanta vidpunkto; nia devo ĉi tie estas, konstati la gajnojn kaj perdojn de nia Asocio, kaj el ekzameno de la farita laboro, atingi konkludojn, kiuj gvidu nin en nia estonta agado.

Unue, min konsternis la preskaŭ tuta nescio—flanke de la kongresanoj— pri nia laboro. Kiam oni memoras la nombron de niaj reklamoj en la organo de I.E.L. en nacilingvaj kaj fakaj periodaĵoj, oni devas konkludi, ke nur tre malmultaj samideanoj

aktive interesiĝas pri tiuj organizaĵoj kiuj praktike kaj objektive uzas Esperanton.

Mi lasis Bernon kun du klaraj impresoj. La unua estas, ke nia Asocia faras pli da konkreta laboro por loki Esperanton antaŭ la publikon, ol iu ajn alia organizaĵo faka aŭ Esperantista. La dua estas, ke la ĝenerala Esperanto-movado disperdas multe da energio, tempo kaj mono je nura pensado pri sukceso.

Nia Asocia ĉiutage kreskas, ne nur nombre sed laŭ kvalito de la membraro. En nian organizaĵon ni varbis multajn eminentajn filatelistojn, kies apogo donas al ni grandajn avantaĝojn. Neprudente estus citi unuopajn nomojn, sed oni ja povas diri, ke iuj niaj membroj troviĝas en la plej altaj rondoj de filatelistoj, kaj kelkaj el ili eĉ estas tiom entuziasmaj, ke ili povas imagi la tempon kiam nia Asocio estas la plej grava filatela organizaĵo en la mondo.

La baldaŭa estonteco ĝis grado pruvos kiom validaj estas tiuj esperoj. Nia unua Internacia Poŝtmark-Katalogo estas ĉe la presisto, kaj ĝi jam ricevis la aprobon de la plej grava pogranda eldon-kaj disdona firmo en Britujo, kaj tiu entreprenos la pograndan peradon tra la tuta filatela merkato en Britujo kaj Kolonioj. La firmo jam dissendis 20,000 ekzempleroj de cirkulero pri la katalogo mem.

Ni ne maltroe taksu la valoron de ĉi tiu fakto. En la pasinteco Esperantaj libroj aperis nur sporade en librovendejoj; ofte dum nur mallonga tempo, kiam oni konstatis, ke ili ne bone vendiĝas ĉe la ĝenerala publiko.

Pri ĉi tiu Internacia Katalogo la intereso estas ĉe la TEMO. Ni kompilis la katalogon tiel, ke ĝi estos kompleta konsultilo por la poŝtmark-kolektanto en ĉiuj landoj kie la angla lingvo estas uzata, kaj ĝi samtempe estas kompleta konsultilo por la Esperantisto en kiu ajn lando. Ĉi tiu estas la plej trafa argumento por ĝi. La uzo de Esperanto por la teknika parto — la koloroj, ĝeneralaj subtitoloj k.t.p. — unike lokas Esperanton ankaŭ la ĝeneralan publikon.

Mi kuraĝas pretendi, ke neniam antaŭe tiel bona okazo prezentis sin por konvinki la publikon per praktika elmontro, kiel pri ĉi tiu katalogo.

Aliaj fatoj ekzistas por apogi mian aserton pri la gravo de nia I.A.P.K. En la pasinteco ni propagandis Esperanton kiel idealon, kaj ĉiel provis varbi homojn per senperaj metodoj. I.A.P.K. ne elvolviĝis laŭ tiu principo. Ni kreis societon, kiu donas servojn al granda aro de homoj, kiu sentis la bezonon de tiuj servoj. Poste, kiel parton de la servaro, ni prezentas al ili la lingvon mem.

Ĉi tiu metodo posedas la avantaĝon, ke ni ne devas argumenti pri la meritoj de Esperanto, nek rekomendi ĝin. Ni simple UZAS la lingvon en nia agado, kaj membroj ne povas nei, ke ĝi plenumas sian funkcion. Ĉu aŭ ne ĉi tiu metodo estas prudenta, estas pruvebla per efektivaj rezultoj. El 500 ne-Esperantistaj membroj 120 studis almenaŭ parton de la kurso, kiun nia Asocio disponigas.

Ke multaj ne finis la kurson ne ŝanĝas la argumenton. La fakto, ke ili komencis la studon sufiĉas por validigi nian teorion.

La Kongreso pruvis al mi, ke ni devos fari multe pli por konvinki la Esperantisaron, kaj precipe la gvidantojn de la movado, ke ni plenumas utilan funkcion kaj ke la oficiala movado ne povos, sen perdo al si, daŭre ignori nin kaj domaĝi al ni apogon.

I.A.P.K. ne kolektas poŝtmarkojn, sed ĝi ja sin interesas pri kolektado de kolektantoj ! Poŝtmark-kolektado estas nur la medio en kiu ni laboras.

Kiom tio koncernas nin, la 32-a Kongreso estis malsukceso. La renkontejo estis malfacile trovebla kaj tro da ekskursoj kaj aliaj kunsidoj okazis samtempe. La tempo, kiun oni disponigis al reprezentantoj de la Fakasocioj en la Ferma Kunsido, estia tro mallonga. Tute neeble estas doni raporton en du-tri minutoj, kaj mi forte opinias, ke oni devus dediĉi unu tutan kunsidon al la raportoj de la laboro farita en la fakkunsidoj.

Kiel Ĝenerala Sekretario, mi devas fari aludon pri unu afero en la Kongreso. Dum iom longa tempo S-ro Filliâtre de la organizaĵo I.L.E.P.T.T., kaj mi interkorespondis pri la elbo kunlabori. Ni renkontiĝis en Parizo antaŭ la Kongreso, sed sekve de la neŝanceliĝa vidpunkto de S-ro Filliâtre rilate nian uzon de dulingva organo, ni ne atingis konkordon.

Antaŭ iom da tempo ni diskutadis ĉi tiun aferon kaj fine S-ro Filliâtre sendis al mi "kontrakton" de kunlaboro laŭ kiu ni limigu nian agadon al la angle parolanta mondo, kaj lasu la ceteron al la organizaĵo de S-ro Filliâtre. Kontraŭ akcepto de ĉi tiu kontrakto, oni proponis al mi oficon de Vicprezidanto en I.F.E.K. Post interkonsiliĝo kun pluraj respondaj personoj en nia Asocio, mi malakceptis la proponon. Se estas al mi permesate fari komenton, mi volus diri, ke la principo ke la Filatela Fako estu subfako de la fako Poŝt-Telekomunikado iom similas tion, ke la *vosto svingas la hundon*.

En kunsido I.L.E.P.T.T. dum la kongreso oni denove traktis la aferon, kaj la ĉeestantoj tute ne unuanime aprobis la principon, uzi ekskluzive Esperanton. Ne estas ĉi tie necese defendi nian politikon. Niaj membroj bone scias, ke ni faras rapidan progreson kaj tiu progreso enkondukis kaj enkondukas novan sangon en nian movadon. Tio estas rezulto neniel atingebla per ekskluziva uzo de Esperanto.

Unu decidon mi faris sekve de la Kongreso. Jam estas tempo insisti pri nia gravo. En la Brita Kongreso unu eminenta samideano konfesis, ke li estis tiom okupita pri alia fako de la movado, ke la tempo mankis al li por atento nian. Post klarigo pri nia agado, li konsilis, ke mi iru sur la estradon kaj parolu klare kaj nemodeste. La tempo venis kiam ni devos paroli klare kaj nemodeste ankaŭ antaŭ la mondo Esperantista, kaj sufiĉe forte ke ĝi aŭdu nin.

Dum la venonta jaro ni devos labori tiel, ke ĉiuj sentos nian ekziston. Mi alvokas ĉiujn Esperantistojn, kiuj deziras la antaŭiĝon de la lingvo, kunlabori kaj helpi nin. Ni bezonas Esperantistojn ne nur filatelistojn, por partopreni en nia granda praktika eksperimento —akceptigi Esperanton.

Jen la *militinstrukcioj:*

a. Skribu al mi, dirante ke vi volas doni vian helpon.
b. Aliĝu al la Asocio.
c. Proponu rimedojn por via lando.
d. Provu havigi artikolojn por nia gazeto.
e. Se vi intencas partopreni la kongreson en Malmo, promesu ĉeesti nian kunsidon, kaj plenumu la promeson.
f. Atentigu viajn gvidantojn pri la valoro de la laboro de I.A.P.K.
g. Nepre sendu freŝan pm. valorantan unu respondkuponon, kiam vi deziras respondon de ni.
h. Ni deziras peranton en ĉiu lando. Tiu peranto povos akiri monprofiton per vendado de la Internacia Katalogo—verko ĉie bezonata.
i. Partopreni la Konkurson pri varbo de novaj membroj. Premio 10 pundoj.

En multaj oni petas kiel nova membro povas pagi la kotizon en landoj, el kiuj oni ne povas sendi monon. Bonvolu noti: la ĉiujara kotizo nun estas 5 anglaj ŝilingoj. Tio egalas 24 respond-kuponoj. Do sendu freŝajn poŝtmarkojn de via lando ĝis tiu valoro. Sendu seriojn, se eble, sed ne samvalorajn.

P. H. Lewis, *Organiza Sekretario.*

# EROJ EL AUSTRALIO

La nomo Aŭstralio kredeble nun estas pli ofte aŭdata ol antaŭe kaj la homoj pli ofte pensas al "tiu malproksima lando". Tamen, danke la al aerpoŝto, ĝi jam ne estas malproksima. Aerpoŝto el Londono povas liveri leterojn en Aŭstralio ses aŭ sep tagojn poste; letero kaj respondo okupas nur tri semajnojn.

En Aŭstralio mem ekzistas aerpoŝto—ĉiutage por la ĉefaj urboj, kaj du aŭ tri fojoj en semajno inter la grandaj urboj kaj

malpligrandaj urboj situantaj en la kamparo.

De Usono kaj Kanado leteroj atingas Aŭstralion en sep aŭ ok tagoj, kaj Aŭstraliaj leteroj de Okcidenta Aŭstralio ĝis Queensland bezonas nur unutagan veturadon.

La Poŝtaj Aŭtoritatuloj nun pripensas la eblon porti ordinarajn leterojn per aeroplano sen kroma kosta.

Nia lasta poŝtmarkeldono estis tiu de Norfolk-insulo. Ĝi konsistas el 12 pecoj kun valoroj de duonpenco ĝis 2 ŝilingoj. Ĉiu portas la saman desegnon, tio estas Pinoj apud marbordo.

Ni nun atendas la aperon de la poŝtmarkoj por festi la 150-jaran revenon de la fondo de la urbo Newcastle, fama pro ŝarĝado de karbo kaj farado de ŝtalo.

Ili estos:-

2p. ruĝa; Leŭtenanto Shortland,
$3\frac{1}{2}$p. blua; ŝtalfarado
$5\frac{1}{2}$p. verda; arganoj por karbo.

Ili atendeble aperos la 8-an de Septembro kaj estos vendataj dum tri monatoj.

Samideanoj kaj membroj ekscios kun bedaŭro pri la morto de S-ro Moray C. McKay en Bowen, Queensland, kie li estis Delegito de U.E.A. kaj Agento de I.A.P.K.

C. W. Ballard, Melbourne.

# LA ĈEVALA EKSPRESO

Al William M. Gwin de Kalifornio apartenas la honoro pri elpenso de la ideo pri tiu plej interesa poŝtoservo: La Ĉevala Ekspreso. Per tio li esperis kunligi Kalifornion kun la Ŝtatoj de Orienta Nordameriko.

Komence, tamen, nenio estis farata pri lia ideo, eĉ malgraŭ ke li fariĝis Senatano pro sia hejmŝtato kaj prezentis sian planon en Vaŝingtono, kie oni malakceptis ĝin. Sed, bonŝance por la tiamaj enloĝantoj de Kalifornio, oni ne tute forgesis lian projekton, kaj kelke de jaroj poste iu firmo (Russell, Majors kaj Waddell) aĉetis la plej rapidajn ĉevalojn, kiujn ili povis trovi, kaj dunginte rajdistojn, eminentajn pro sia kuraĝo, komencis la servon. La vojo estis de S-ta Jozefo en Missouri tra Kansas, Colorado, Utah kaj Nevada ĝis Sacramento en Kalifornio, distanco de preskaŭ dumil mejloj. De Sacramento ĝis San Francisco oni portis leterojn per veturiloj.

Okazis je la 3-a de Aprilo 1860, ke la unua rajdisto ekiris de S-ta Jozefo, dum la blovorkestroj muzikis kaj ĉiuj urbanoj ĉeestis kaj portis siajn plej belajn vestojn, por aplaŭdi lin. Oni ne scias kiu estis tiu rajdisto, sed iuj kredas, ke li estis Johnny Frey, kiu poste estis mortigita en la interna milito. La poŝtaĵoj alvenis en San Francisco en dek tagoj, la antaŭarangîta tempo.

Antaŭ ol oni forsendis leterojn per la poŝto, oni ĉirkaŭvolvis ilin per gudrotuketojn por gardi ilin kontraŭ malsekaĵo. La kosto de sendado estis po kvin dolaroj por ĉiu duonunco (poste oni malpliigis ĝis du dolaroj kaj kvindek cendoj) plus la Usona afranko. Ĉiu individua rajdisto de ĉi tiu servo rajdis de 75 ĝis 125 mejloj, kaj ŝanĝis ĉevalon ĉiun dekon aŭ dudekon da mejloj. La tempo disponebla por ŝanĝo en ĉi tiuj izolaj stacioj estis du minutoj, sed ofte oni faris ĝin en malpli ol unu. Pasante tra ĉi tiuj sovaĝaj terenoj, la rajdistoj devis fronti al multaj danĝeroj. kiaj Indianoj aŭ rabistoj. Por gardi sin ili ĉiam portis duon da Colt'aj pistoloj, Spencer'an pafilon ( oni poste ne uzis ĉi tion pro la ekstra pezo) kaj eningan tranĉilon.

Multajn famajn nomojn oni memoras pri la Ĉevala Ekspreso, sed el ĉiuj tiu de Wilhelmo Cody (Buffalo Bill - Bubalo Vilĉo) estas la plej elstara. Li, kiu komencis rajdadon en la servon kiam li havis nur dek ses jarojn, iufoje devis rajd 322 mejloj sen ripozo pro tio, ke la posta rajdonto estis mortigita de Indianoj.

Malbonŝanco trafis ĉi tiun mirindan poŝtan servon en 1861, kiam ĝi jam funkciis nur 17 monatojn. En tiu jaro la telegraflinio trans Ameriko estis finita, kaj oni ne plu bezonis la Ĉevalan Eksprezon Tiel ĉi tiu servo, kiu iam konsistis el 400 ĉevaloj kaj rajdistoj, fariĝis Usona historio. Ĝi ne estis finance sukcesa, ĉar malgraŭ ke oni investis en ĝi sepcent mil dolarojn, ĝi redonis nur kvincent mil.

M.H.K. Irwin. (trad. M.S.)

# POŜTMARK—KRONIKO

La Jugoslavaj poŝtmarkoj respegulas la batalon kaj penadojn de niaj popoloj.

Sur skribotablo de ĉiu Esperantisto amasiĝas leterkovertoj el ĉiuj anguloj de la mondo. Kaj ĉiu leterkoverto surhavas poŝtmarkojn. Ĉu vi jam rimarkis, ke la poŝtmarkoj algluitaj sur la leteroj aŭ poŝtkartoj ankaŭ parolas per siaj portreto, desegnaĵo kaj gravuraĵo? Ili parolas al vi senvorte pri la landoj el kiuj ili estis venintaj.

Komence poŝtmarkon oni opinias nura poŝtvaloraĵo. Nuntempe poŝtmarkoj servas ne nur kiel afrankaĵoj sed ankaŭ kiel forta nacia kaj internacia propagandilo. Pere de poŝtmarkoj vi povas sekvi kulturon, historion, teknikan progreson, politikan vivon k.t.p. de la koncerna lando. Kaj tio estas unu el kialoj de tiel granda nombro de poŝtmark-kolektantoj kaj filatelistoj en la mondo.

Ni intencas regule raporti kaj prezenti al nia legantaro ĉi tiun malgrandan sed interesan kaj belegan bildgalerion. Jen, ni diris ĉi tie ion ĝenerale pri la filatelo. Nun ni rigardu kiamamiere respeguliĝas la vivo kaj laboro de jugoslavaj popoloj sur poŝtmarkoj post la dua mondmilito.

En krado de unu artikolo oni povas priskribi la provizoraĵojn (kun surpreso) de pluraj federalaj respublikoj. La unua regula eldono aperis la 21-an de Februaro ĝis la 5-a de Aprilo 1945 kun busto de Marŝalo Tito kaj surskribo *Demorkratia federa Jugoslavujo* (supre en ĉirila, sube en Latina skriboj). De la 14-a de Majo ĝis la 19-a de Septembro aperis dua malprovizora eldono kun bildo kiel ĉe la antaŭa.

La 2-an de Augusto 1945 aperis memoriga marko je memoro de la unua kunsido de antifaŝista *sobrajne* de popola liberigo de Makedonio, kiu okazis la 2-an de Augusto 1944, en Monaĥejo de Prohor Pĉinski (libropreso).

La 15-an de Sept. 1945 bonfaremcelaj markoj kun alpago por la Ruĝa Kruco (1+4, 2+6). La tria regula eldono aperis la 9-an de Oktobro ĝis 2-a de Novembro 1945. Ĝi surhavas diversajn partizanajn motivojn el la epopeo de nia naci-liberiga batalo. La serio konsistas el 12 valoroj kun la suma nominala valoro 80-dinaroj kaj enhavas entute 5 diversajn desegnaĵojn. Du markoj prezentas Marŝalon Titon (busto, plenvizaĝo), 6 markoj la batalantojn en movado tra la neĝo kaj arbaro kaj en batalo en montara embusko. Du markoj surhavas bildon de la historia urbo Jajce kaj registras grandajn historiajn okazintaĵojn de la 29-a de Novembro 1943. Pluaj du valoroj montras simbolan bildon de virino-batalantino, kiu kun pafilo en la mano paŝas sub ŝirmo de la flago kun kvinpinta stelo. La desegnaĵoj estas tre interesaj kaj estas bedaŭrinde ke ili estas ellaboritaj litografe. La poŝtmarkoj estas ankoraŭ en trafiko.

La 29-an de Novembro 1945, estas lasita en trafikon sukcesplena memoriga serio 2 foje po 6 valoroj. La markoj estas ellaboritaj okaze de la nua kunsido de la nova Konstitucia Parlamento (en kuprogravuro). Sendube unu el la plej belaj eldonoj ĝis nun ĉe ni. La koloroj estas bone elektitaj, tiel ke la tuta serio formas agreblan tuton. La poŝtmarkoj aspektas jene: ili montras du simbolajn figurojn de laboristo, kun granda kaj peza martelo, kaj vilaĝaninon kun grengarbo surŝultre . Ambaŭ tenas per la libera mano libron, star antan ĉe soklo super kiu estas dekreto kun sigelo. Sur tiu dekreto

estas teksto: "USTAV" (konstitucio), kompreneble en latinaj kaj ĉirilaj literoj. Ili jam ne estas en trafiko.

La 20-an de Oktobro 1945, aperis memoriga marko je memoro de la unua datreveno de la liberigo de Beograd (2+5). Desegnaĵo, de konata pentristo profesoro Ive Rezek, montranta la fratecon de la ruĝa armeo. Eldonnombro 200,000.

Post la jam priskribitaj markoj de "USTAV", la 1-an de Aprilo 1946 aperis provizora eldono, la valoroj 6 kaj 9 de la poŝtmarkoj montrantaj partizaninon sub la ŝirmo de la flago, estis surpresitaj kun kolorŝanĝo kaj nigra surpreso de la novaj valoroj, 2,50 kaj 8 dinaroj, sekve de la plialtigo de poŝtaj tarifoj por ordinaraj kaj rekomendataj leteroj. La eldonnombron ni ne scias, ĉar la markoj estas ankoraŭ en trafiko.

Unu el la plej gloraj datoj de nia plej nova historio estas la 9-a de Majo 1945 — tago de la venko. Okaze de ties unujara datreveno estas eldonita memoriga serio je tri valoroj kun nominala prezo 9 din. Desegnaĵo simbolanta venkon de aliancanoj super faŝismo kaj montranta en ovala horizontala ekmovon de diversaj branĉoj de la armeo. Ĉe la maldekstra flanko vertikale datumo: 9. V. 1946"", dekstre "9. V. 1945". Eldonnombro: valoro 1.50 din. 500,000; din. 2.50 400,000 kaj la valoro de din. 5 200.000 pecoj.

La 10-an de Majo 1946 estis eldonitaj memorigaj markoj kun krompago okaze de la unua libera Kongreso de P.T.T.-istoj kaj okaze de la malfermo de ties ekspozicio en Beograd. Eldonombro 100,000 serioj, ofsetpreso. La teksto pri kongreso estas skribita Serbe, Kroate, Slovene kaj Makedone.

En nia lando la junularo entuziasme donas ekzemplon por la konstruo de la pli bela estonteco de nia libera patrujo. Ankaŭ tie la poŝtmarkoj pri la konstruo de la junulara fervoj linio Brĉko-Banoviĉi signis kaj simbolis tiun ĉi novan kaj ĝojigan realaĵon en la vivo de niaj popoloj. Ĉi tiuj memorigaj markoj estis eldonitaj la 1-an de Aŭgusto 1946, je 4 valoroj kun nominala prezo 16-dinaroj. La teksto estas skribita ĉe pluraj markoj per la lingvoj de pluraj Jugoslavaj popoloj. Eldonnombro 100,000 serioj.

La 22-an de Septembro eldoniĝis poŝtmarko, kiu rememorigas la 100-an datrevenon de la naskiĝo de la Jugoslava socialisto Svetozar Markovic, je du valoroj (busto). Eldonnombro 500,000 serioj. La 8-an de Decembro eldoniĝis grandaj poŝtmarkoj kun diversaj valoroj kaj koloroj. Ili estas dediĉitaj al la memoro de la Slava Kongreso en Beograd. Aperis en la serio 5 valoroj, kies bildojn ni aldonas,kun nominala prezo 10,50 dinaroj. La markojn ornamas Sofia Teatro, Hradĉani en Praha, la monumento de Sigismundo en Varsovio, la statuo de venkinto en Beograd kaj Kremlj en Moskvo. Eldonkvanto 500,000 serioj.

Post tio oni aperigis filantropan markon de la Jugoslava Ruĝa Kruco. Por kompletigi ĉi tiun trarigardon oni devas mencii ankaŭ la unuan eldonon de oficialaj markoj. La serio, kiu montras ŝtatblazonon en ornamita kadro, estas eldonita la 1-an de Novembro 1946. Nominala valoro de la serio, konsistanta el 8 valroj, 34,50 dinarojn.

La unua postmilita regula eldono de afrankŝuldaj markoj aperis de 13-a de Februaro ĝis la 3-a de Marto 1945 kun nova ŝtatblazono. La serio el 8 valoroj kun nominala valoro 117 dinaroj okupadaj.

De 28a de Junio ĝis la 13a de Julio 1945 aperis la dua regula eldono en FNR Dinaroj, kun la desegnaĵo kiel la unua.

La 3-an de Majo 1946 aperis tria regula eldono kun desegnaĵo kiu montras kvinpintan stelon kaj 5 torĉojn de la nova ŝtatblazono kun titolo: "F.N.R. Jugoslavija" kaj "Porto" en ĉirila kaj Latina skriboj. Nominala valoro de la serio 18 dinaroj.

Pri provizoraĵoj kaj pri la definitivaj eldonoj por Julia Kr aino Istrio, Fiumo kaj Slovena Marbordo ni parolos aliokaze. Koncerne la ĝis nun priskribitajn poŝtmarkojn oni devas mencii, ke la malfacilaĵoj de postmilitaj tagoj kaŭzis areton de variaĵoj "maloftaĵoj", tiel en koloroj kiel en paperoj kaj presoj, kiujn oni devas distingi en la kolekto kaj pri kiuj, pro limigita spaco, ni ne parolos.

Antaŭ nelonge estas lasitaj en trafikon du samtipaj markoj, montrantaj urbon Jajce, kun diversaj valoroj kaj koloroj. Sekve de la pligrandiĝanta aerpoŝta trafiko, oni eldonis novan serion de aerpoŝtmarkoj. La serio, montranta urbojn Beograd kaj Dubrovnik, konsistas el 6 valoroj kun la suma nominala valoro 38,50 dinaroj.

La 100-jara datreveno de eldono de "Gorski Vijenac" (Montara Ĉeno), eposo konata ne nur en Jugoslava literaturo sed ankaŭ ekster la limoj de la patrujo, estas solenata per eldono de aparto serio. La serio konsistas el 3 valoroj kun nominala prezo 9 dinaroj. Valoroj 1½ kaj 5 dinaroj surhavas la titolpaĝon de unua eldono de tiu valora verko kaj valoro 2.50 surhavas la portreton de aŭtoro Petar Petrovic Njegos, Montenegra episkopo, en nacia kostumo. Eldonnombro (laŭ ankoraŭ nefidindaj informoj): la valoro de 1,50 din. 268,000 ekzempleroj, valoro de 2.50 275.700 kaj valoro 5 din. 289.000 ekzempleroj.

La 15-an de Junio estas lasita en trakfion grandformata memoriga serio kun teksto "Dan Fizkulturnika" (La tago de korpkulturuloj), ilustranta korpkulturajn paradojn kaj ekzercojn. Gi konsistas el tri valoroj kun nominala prezo 8-dinaroj. La poŝtmarko eldoniĝis je 500.000 seriojn.

Ĉi-lastaj du serioj restos en uzo ĉirkaŭ 3 monatoj.

Marinko Ĝivoje

## CODE SYMBOLS FOR D.E. --- KODO POR LA R.I.

This present list of code signs is only provisional; we are arranging for a number of 'picture signs' which will cut down the space needed and render the classification intelligible to all, whatever their language.
La nuna listo de kodliteroj nur estas provizora; poste ni akiros 'bild-signojn' kiuj estos kompreneblaj al ĉiu, kiu ajn lia lingvo scipovo.

| SYMBOL | ENGLISH | ESPERANTO |
|---|---|---|
| M. | Mint. | Freŝa, |
| U. | Used. | Uzita. |
| Airs. | Airmails. | Aeraj. |
| C. | Covers. | Kovertoj. |
| B.C. | British Colonies | Brit. Koloniaj. |
| G.B. | Britain. | Britujo. |
| W. | All World. | Tuta mondo. |
| Cm. | Commemoratives. | Rememoraj. |
| P. | Peace & Victory. | Pacaj & Venkaj. |
| P.M. | Postage Stamps. | Poŝtmarkoj. |
| For. | Foreign. | Fremdlandaj. |
| Dups. | Duplicates. | Duoblaĵoj. |
| P.S. | Pre-stamp. | Antaŭmarkaj. |
| C.C. | Crown Col. | Reĝaj Koloniaj. |
| Eur. | Europe. | Eŭropo. |
| Mod. | Modern. | Modernaj |
| Fra. | France. | Francujo. |
| Am. | America. | Ameriko. |
| Ned. | Holland. | Nederlando. |

# ADVERTISING RATES.

## TRADE

| | |
|---|---|
| Whole-page | £10. |
| Half-page | £5. 10. 0. |
| Quarter-page | £3. |
| One Eighth-Page | £1. 15. 0. |

## MEMBERS

Small Announcements 3/-

---

Rebates; six insertions 15%
Twelve " 20%



Printed and published for the International Stamp Collectors' Association by Internacia Limited, Didcot, Berks, England.